# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 376 (oktobro-decembro, 2006)

**Ĉefredaktanto:**
Jorge Pavón

**Kunlaborantoj:**
Ángel Arquillos, Antonio del Barrio , Miguel Gutierrez, Luis Hernández, Abel Montagut, Gonçalo Neves, Lupe Sanz,, Darío Rodríguez

✉
bulteno@esperanto.es
Calle Juliana nº4
El Escorial (Madrid) 28280
Bv. sendi la tekston kiel kutiman retmesaĝon aŭ en formato 'txt' aŭ 'rtf'



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961



Presejo: Gráficas Aurora. Zaragoza
DL- Z- 334-90

## Prezento



Saluton, karaj legantoj.Denove ni estas ĉe vi, kun multaj novaĵoj kaj informoj.

HEF havas novan retpaĝaron, esperanto.es per kiu ni volas faciligi la informadon pri nia lingvo kaj asocio. Laŭ mi, la plej bona novaĵo estas la disponigo rete de la granda vortaro de Fernando de Diego.

Jam estas decidita kie okazos la venonta Hispana Kongreso. La loko estos Palos de la Frontera (Onubo) de la 5a ĝis la 8a de julio.

Pola Radio en esperanto povas malaperi pro restrukturiĝo. Indas apogi la kampajnon por konvinki al ties estroj, ke la elsendoj en la internacia lingvo estas ne mon-perdilo, sed grava kaj bonkvalita propagando por Pollando, lando de Zamenhof.

William Auld ankaŭ estas rememorata. Gonçalo Neves konsentis plublikigon de sia artikolo pri tiu grava verkisto kaj tradukanto.

Ĉu esperanto baziĝas sur sensceptaj reguloj? Abel Montagut, iom senmitigas tiun ideon el la Fundamento.

Ankaŭ ni iom retrorigardos por malkovri la historion de esperantisto preskaŭ forgesita ĝis nun. Sidonio Pintado.

Nu...kaj por fini, kiel postulas bonedukiteco, mi deziras al ĉiuj legantoj feliĉan Julon aŭ Kristnaskon, kiel ajn vi preferas:) kaj tre prosperan 2007¡

# Enhavo



kovrila foto: tipa andaluza strato en Arundo

## Iom da humoro ☺

Iam estis junulino, kiu hejmen venis post sia unua IJK. Diris ŝi al sia patro: “Paĉjo, mi pardonpetas, sed mi ne plu estas virgulinon.”Respondis la patro kolere: “Nun mi elspezis tiom da mono por viaj kursoj, kaj vi ankoraŭ NE REGAS LA AKUZATIVON!”

Iuj diras ke mi estas “absoluta senutilulo”, sed fakte mi ne estas “absoluta senutilulo”, almenaŭ mi ja UTILAS kiel malbona, nesekvinda, ekzemplo.

## Erar-agnoskejo

En la 16a paĝo de la antaŭa numero aperas erare skribita la familia nomo de Francisco Javier Moleón. Ni pardonpetas pro la miso.

## Manolo Pancorbo........ kaj *La Movida*?

Jes, ĝuste kiel vi legas¡ Li tiam ludis en pop-ensemblo kaj spertis tiun unikan socian kaj muzikan movadon de la 80aj jaroj. Roĝer Borĝes intervjuis lin por sia podkasto (kie ankaŭ aperas du katalunaj e-istoj: Ferriol Macip kaj Karles Berga)



www.rogerborges.com/
bitakoro.blogspot.com

# Estrarkunveno de HEF

Okazis la 2an de oktobro, en la sidejo de HEF je la 18,30 h. ĉeestis: Lupe Sanz, Carmen Suárez, Pedro Garrote, Luis Hernández; Pedro Hernández; Toño del Barrio, Augusto (per Skype), M. Pancorbo; Jorge Pavón

1.Boletín

➢ La estraro konfirmas kiel redaktoro de "Boletín" al Jorge Pavón (bulteno@esperanto.es) Estas grave ke li lernu la programon (Ventura aŭ alia kiu ne havus problemon en la presejo) por komposti la tekstojn. Adúriz ofertis sian helpon por komposti tri numerojn (375, 376 kaj 377(januaro.februaro), dume Jorge lernos la programon.

2. Hispana Kongreso 2007

➢Pri dato, lokon, ktp oni devas atendi la kunvenon de AEU (8-9 oktobro)

➢ Aliĝilo devus esti preta meze de oktobro por aperi en la Boletin de decembro kun kotizoj kaj informo pri hoteloj.

**3**.- HEF-reprezentantoj (Punkto laŭ propono de Augusto)

➢ Rilatoj kun **Esperantaj Grupoj**: Manolo Parra akceptis la taskon vigligi la kontaktojn inter HEF kaj la grupoj tra la tuta ŝtato. Manolo laboros laŭ libera programo kaj informos en venonta estrarkunveno pri la demarŝoj de sia laboro kaj la ebleco kontakti kun portugalanoj.

➢Rilatoj kun **EEU**. Pedro Hernández akceptis. Oni petis al la kaŝisto pagi la kotizon de 2006 al EEU

➢Informado al **gazetaro**: Laŭ la protokolo de la Asembleo de El Puig "Se ratifica a M. Pancorbo para desempeñar el servicio de información a los medios de comunicación" Eventuale Toño del Barrio kunlaboros en la gazetara servo

➢Pedro Hernández okupiĝas pri la retpoŝtoj kiun oni ricevas en la paĝaro de HEF laŭ prensa@esperanto.es Li respondos al la ĵurnalilstoj kaj amaskomunikiloj kiuj petas informon aŭ kontaktojn kaj resendos al M. Pancorbo la mesaĝojn kiuj temas pri gazetara servo.La "gazetara servo" estos unu el la punktoj de la venonta estrar-kunveno.

➢Rilatoj kun UEA:**Kotizperantoj** de Hispanio: Laŭ la jarlibro 2006 estas Pedro Garrote kaj Kataluna Esperanto-asocio. Pedro informos pri sia laboro dum 2006. **Ĉefdelegito**: Laŭ la jarlibro 2006 estas Fernando Moral. Fernando informos pri sia laboro dum 2006. **A-komitatano**: J. Miguel García Iturrioz kiu informos pri la aktivado dum 2006.

➢Rilatoj kun **SAT**: Oni konkludas, ke ne estas necesa havi respondeculon. La informo alvenos pere de SATeH.

➢Rilatoj kun **ILEI:** Nuntempe estos Augusto, kaj li serĉos alian inter hispanaj ILEI-anoj. (Dum la UK-Florenco 9 hispanoj pagis la kotizon de la jaro 2006)

➢Rilatoj kun **TEJO**. HEJS estas la Hispana Sekcio: Laŭ jarlibro la prezidanto de HEJS estas David Trigo, li informos pri la aktivaĵoj dum 2006

## 4.Informoj pri la sekretario

➢ **Kontraŭ-viruso**: M.A. Sancho instalis en la ĉefa komputilo (Falko) la programon "Panda" kun leĝa licenco je sia nomo. La licenco estas por unu jaro kaj pagos Sancho (Li, private, havas 3 licencojn kaj donacas unu al HEF). Por ke la kontraŭviruso estu efika oni petas, ke por konekti al inter-reto kaj al ret-poŝto ni uzu la komputilon FALKO (dekstra)

➢La *Ministerio del Interior* jam aprobis la kontojn de HEF kiel asocio de Publika Utileco. Estus konvene por aliaj jaroj prezenti la kontojn en la Ministerio en februaro aŭ marto.

➢ Kvankam en aprilo ni fermis per *burofax* la kontrakton kun la telefonkompanio *Ono* , ĝi daŭrigas la sendadon de fakturoj. Ekde septembro la fakturoj estas resenditaj al *Ono* kun la vorto "rehusada". Oni atendas respondon de Ono pri la reala ŝuldo.

➢Ekde julio la datumbazo de membroj, kontaktoj, ĵurnalistoj, ktp estas en *Access* dank'al la helpo de Marcos Cruz kaj Miguel A. Sancho.

➢Ankaŭ la **datumbazo** de **Biblioteko** jam estas en Access kaj estos en la paĝaro de HEF. Oni devas trovi volontulon por enmeti pli malpli 300 titolojn kiuj perdiĝis mistere.

➢La sekretariino petas uzi la ret-adreson admin@esperanto.es nur por oficialaj aferoj, ŝi deziras ke ĝi ne aperu en forumoj.

➢Post kelkaj burokrataĵoj ni esperas de la Urbodomo de Madrido la oficialan leteron konfirmante **"exención de IBI"** ekde 2006 por la sidejo de HEF. La nova leĝo faris ke ni devis peti tion denove ĉar antaŭe ni havis ĝin sed ni petis ekster oficiala tempo kaj ni devis pagi la imposton por 2005.

## 5.-Petoj kaj demandoj

➢Pedro Hernández skribis jenan peton kiun la ĉeestantoj decidis transdoni al Manolo Parra (Vidu punkton 3. HEF.Rilatoj kun e-grupoj)

1.Kie kaj kiu organizas kursojn, aŭ aranĝojn.
2.Aktualigi la donitaĵojn pri la lokaj asocioj.

Do, mi proponus krei reton de delegitoj de HEF tiel, ke estu en ĉiu provinco po unu homo, kies taskoj estos:

1. Regule informi al HEF pri la aranĝoj en la provinco, ne nur esperantaj, sed ankaŭ (kaj precipe) pri tiuj, kie oni povus partopreni (lokaj kultursemajnoj, festoj, ktp) per prelegoj, kursetoj, budoj, ktp.
2. Kolekti informon pri rimedoj en la provinco: kursgvidantoj, prelegantoj, libroservoj, ĝenerale, homoj kiuj kapablas iri al konkreta loko por prelegi aŭ prezenti E-on.

Tiel, ni povus koni je kiaj rimedoj ni disponas en la tuta lando, informi, kaj kunordigi (ekzemple, se ni scias, ke en iu urbo, kie ne estas esperantistoj, okazos io partopreninda, ni povos eble kalkuli je la rimedoj de la apuda provinco, ktp.)

➢ Augusto informis ke la DVD ”Esperanto elektronike” aĉetita de HEF estas en Valencio kaj ke la antaŭ -petoj jam estis sendita. La stoko revenos al Madrido frue.

➢Laŭ propono de Pedro Hernández la aktualigado de la paĝaro de HEF estos punkto por la venonta kunveno.

**6.-Venonta kunveno**:
Lundon 27an de novembro je la 18 horo

Oferto

Vortaro Lexicón Sopena : je 8 • po unu, sed aĉetante dek vi ĝuos 10% da rebato, kaj ne pagos la sendo-kostojn.
Luis Serrano Pérez.
Apartado 423 08200 - Sabadell
Tel. 937275021
rete: luis_serrano@mixmail.com

# La esperanta Pola Radio en danĝero

Nova estraro enposteniĝis en Pola Radio kaj anoncis novan strukturon de la stacio en kiu la esperanta redakcio estas forviŝita en 2007.Aliflanke, plifortiĝos la programoj en belorusa kaj ukraina lingvoj Tio ege kontrastras kun la sinteno de la antaŭa prezidento, kiu asertis “- la rezulto de ĝia dissendo [en esperanto] estas tre grava, ĉar ni atingas tiamaniere la mondajn elitojn.”




Por la nova prezido eble ne gravas la fakto, ke la nombro de korespondaĵoj al la esperanta redakcio estis 5.548 en 2005. Tiu estas granda nombro, kompare kun aliaj redakcioj. ( 1204 al la angla, 912 germana, 268 belorusa, 168 pola, 113 rusa kaj 65 ukraina)

La fina decido dependos de la Ministrejo pri Eksterlandaj Aferoj. Multaj samideanoj jam sendis leterojn al la polaj ambasadoj de siaj landoj, kun la espero, ke tiel montriĝos la graveco de ĉiutaga programo en la internacia lingvo.

UEA serioze konsideras la aferon, ĉar temas pri unu el la plej kvalitaj kaj aŭskultataj radioj en esperanto, kaj, eĉ pripensas ne aranĝi la jubilean Universalan Kongreson de 2009 en Pollando.

Adreso de la Pola Ambasado en Madrido
telefono913 736 605 Retposto: embajada@polonia.es
Guisando 23 bis, 28035 Madrid



## Hispanlingvaj prelegoj

En la kadro de la nunjara kurso de la Universitato de la Sperto por personoj de la tria aĝo, okazanta en Valladolid kaj kiel kromaldonaj aktivaĵoj, prelegis pri "Esperanto, de la originoj ĝis la dudekunua jarcento", D-rino Rafaela Urueña, profesorino pri Internacia Juro en la Valladolida Universitato kaj eksprezidantino de HEF. La ĉeestantaro, proksimume kvindek, atente aŭskultis la prelegon kaj je la fino, oni faris multajn kaj interesajn demandojn.

La sekva prelego pri "Esperanto facila kaj fleksebla lingvo" okazis la 20 an de novembro kaj la preleganto estis Pedro Garrote, kasisto de HEF kaj instruisto de Esperanto.

L. Hernández

## Babiladoj en Katalunio

Diskut-rondoj estas laŭregule organizataj:

- En Moià. Temo "Ĉu la Europa Unio Funkcias?
- En Castelldefels (spektado de filmoj en Esperanto pri la Arana Valo kaj la Olimpikaj Ludoj de 1992, ambaŭ en la bela esperanto de s-ano Güell
- En Valldoreix , ĉe "Vegetarana Centro . Temo" Ĉu ni mortigas la naturon?"
- En Premiá de Mar, la 19an de novembro, kun la temo "la energio"

Por pli da informo pri la rondoj, kontaktu al Luis Serrano Tel. 937275021

Geesperantistoj kunvenas ĉiumerkrede de la 10a ĝis la 11:30 en la restoracio Beer&Coffe, Fontadella n-ro 4 en Barcelono

Organizitaj 5aj someraj dialogoj en Monistrol de Montserrat. Ĉeestis pli ol 15 samideanoj. Luis Serrano prelegis pri "la nuna moderna virino"

La HEJS-anoj decidis organizi venontan IRon (Iberia Renkontiĝo) en Junulargastejo ĉe la parko *Casa de Campo* en Madrido. La evento okazos en marto.

KEA celebris sian kongreson en Amposta, de la 8a ĝis la 10a de decembro. Inter la aliĝintoj estis akademiano Stefan Maŭl, la prezidanto de Nepala E-Asocio, s-ano M Pathik kaj la pedagogo P. Grzybowski. Muzikigos la etoson la ensemblo "Kaj Tiel Plu" kaj Jomo. La elektita loko koincidas kun la ĉijara "Ĉefurbo de la kataluna kulturo" En la venonta numero aperos pli da informo.



# Ĉirkaŭ la mondo



## “Fonto” malaperas

La sendependa revuo “Fonto” ĉesos aperi en la nova jaro . Tamen, la eldonanto, Gersi Alfredo Bays esperas ke la situacio pliboniĝos post iom da tempo . Fonto estas beletra revuo kiu aperas ordinare monate, sed lastatempe, kelkaj numeroj prokrastiĝis. Ĝia plej grava problemo estas malpliiĝo de abonantoj, eble, pro tio ke ĝi estis malmulte reklamata.

## Iniciato por la Z-Tago

Usonaj esperantistoj proponas kampanjon por informi al ĝenerala publiko la 15an de decembro. Oni instigas al ĉiuj skribi afiŝon en ilia blogo kiu estu samtempe kaj en esperanto kaj en gepatra lingvo.La tekstoj temu pri lingvaj problemoj kiel ekzemple manko de komunikado, izoliĝo kaj malapero de minoritataj lingvoj. La iniciato ricevas favorajn opiniojn,inkluzive de Renato Corsetti, prezidanto de UEA. Sciu pli vizitante ilian retpaĝaron :
esperanto-usa.org




## Pli da problemoj por ITV

La elsendoj de Internacia Televido estas interrompitaj jam de multaj semajnoj. Lau la direktoro, temas nur pri paneo, pri kiu ili ne kulpas.

## “Ĝangalo” povas perei

La kreinto de tiu retpaĝaro, Flavio Rebello, decidis forlasi sian portalon post rekoni malsukceson en tiu projekto kaj en liverado de profesiaj servoj al la esperantistaro. Se neniu aĉetos la portalon, li definitive fermos ĝin. La limdato estas la fino de decembro. Ankoraŭ neniu organizaĵo publike anoncis intencon akiri ĝin. Laŭ li, la mono de la vendo estos uzata por ITV kaj li povos dediĉi pli da energio al la televid-kanalo.

## La EU uzas esperanton¡

La Finna Prezido de la Eŭropa Unio anoncis, ke ili intencis publikigi siajn ĉiusemajnajn informilojn en la latina. La informilo de la lasta semajno de aŭgusto sciigis pri tradukoj ankaŭ al esperanto, kio helpos al pli granda nombro da europanoj koni la aktivaĵojn de la Prezido.La raportoj legeblas ĉe http://conspectus.wordpress.com

# Renkontiĝo en Arundo (Ronda)

La duan semajnfinon de oktobro, en la urbo Arundo (Ronda), la varmeta kaj agrabla vetero permesis al 24 esperantistoj el Andaluzio kunsidi en alloga salono de la “Casa de la Juventud” por debati du gravajn temojn, la Movado en Andaluzio kaj la Hispana Kongreso okazonta venontjare.

Malgraŭ manko je reprezentanto el HEF, la renkontiĝo sukcesis pro bona humoro kaj agrabla etoso inter la partoprenantoj. La plej elstara ĉeestanto estis la urbestro de Palos de la Frontera, kiu tre interesiĝis pri la Kongreso kaj pretis helpi nin por ke la Kongreso realiĝu en lia urbo. Dum kelkaj horoj oni debatis “paceme” pri la grava temo kaj ĉio estis pozitiva. Oni informis al la urbestro pri la eblaj lokaloj, loĝejoj, propagando, afiŝo, ktp, la respondo estis jesa kaj li aldonis la ideon gvidi kurson de Esperanto per la loka televido en Palos; aparte, la urbestro proponis al ni traduki interesan broŝuron pri la historio de Palos, kaj kompreneble, ni respondis jese. Ni proponis traduki “La vojaĝojn de Kolumbo” kaj la verko de Juan Ramón Jiménez “Platero kaj mi”, kiu jam preskaŭ pretas tradukita de samideano Pepe el Seviljo. Funkciulo pri Kulturo de la Urbodomo de Palos, s-ro Eduardo García Cruzado, kiu ankaŭ ĉeestis la kunsidon, devontigis sin eldoni la propagandon kaj afiŝon pri la Kongreso, do nia laboro estas doni ideojn…kompreneble, ni multe laboros por okazigi sukcesan eventon.

Post vespermanĝo ni revenis en la lokalon por daŭrigi la kunsidon kaj debati pri la Movado en Andaluzio, kiu bonfartas. Ni tiam komencis bazan kaj porprogresintan kursojn de Esperanto. Oni disdonis la librojn video-filmon kaj kompakt-diskojn al la profesoroj de Seviljo, Onubo, Granado, Arundo, Vélez, ktp.

La plimulto foriris antaŭ ol noktiĝo, sed ankoraŭ restis grupeto por ĝui la Arundan nokton, la plej junaj haltiĝis en picejo kaj la ceteraj elektis formalan trinkejon por bierumi kaj gustumi tipajn manĝaĵojn de la regiono. Por kroni “la feston” ni kuraĝis eniri en lokalon por junuloj kie la muziko ne bone akompanis nin, sed neniu plendis, kontraŭe, ĉiuj bonfartis siditaj sur komfortaj sofoj.



La duan tagon, dimanĉo, ni preskaŭ marmalsaniĝis, ĉar Ronda estas malgranda urbo, sed la monumentoj kaj malnovaj konstruaĵoj estas neviziteblaj dum nur unu tago, kaj ni kuraĝis viziti la plimulton kun la promeso reveni al nia kara samideanino Fátima, kiu volonte preparis ĉion por ke la Renkontiĝo realiĝu.

Ángel Arquillos

# Amikeca Kunvivado en La Pineda




De la 24an de septembro ĝis la 1an de oktobro, pli ol 125 geesperantistoj el 12 landoj, plejparte francoj, kunvenis en la apudmara vilaĝeto La Pineda, apartenanta al la komunumo de Vila Seca (Tarragona) por, en amika kaj agrabla etoso, partopreni en la 14ª Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo, sub la aŭspicioj de la Hispana Esperanto Muzeo.

La dimanĉon, 24an de septembro, iom post iom, kaj diversmaniere, estis alvenantaj la partoprenantoj al la Hotelo Carabela (legu Karabela), kiu, samtempe, estus la restadejo kaj la semajnejo. Post la vespermanĝo, la gepartoprenantoj kunvenis en salono por partopreni la Interkonan Vesperon en kiu la organizantoj, malavare kaj ĝentile disdonis manĝetojn kaj trinkaĵojn, inter kiuj, kiel decas en Katalunio, ŝaŭmantan vinon kun la nomo "Esperanto".

La 25an estis la inaŭguro de la Semajno kun ĉeesto de la urbestro de Vila Seca, Sro. Josep Solé, kiu, katalunlingve, diris tre amikajn kaj kortuŝajn vortojn, kiujn Salvador Aragay tradukis esperanten. La inaŭguro komencis per la vortoj de unu el la organizantoj, Luis Serrano, kiu rakontis al ĉiuj la historion de la Semajno. Finis la aranĝo per la salutvortojn de reprezentantoj de la diversaj ĉeestantaj landoj, fermante la intervenon, por la hispana partoprenantaro, s-ino Rafaela Urueña, Profesorino pri Internacia Juro en la Universitato de Valladolid, kiu en sia saluto, emfazis ke Esperanto, plene plenumas ĉiujn kondiĉojn postulataj de UNESKO por esti konsiderata kultura nemateria havaĵo de la homaro. Post la inaŭguro, ni ĉiuj iris ekstere, eĉ la urbestro, por la komunan foton.

Post la tagmanĝo kaj la esperanta kurso gvidata de s-ano Aragay, germana samideano Wolfgang Gunther, delonge loĝanta en la vilaĝo Rajoles (Alakanto) prelegis pri la temo "Socia Plastiko" prezentante la vivon kaj la verkon de germana artisto Joseph Beuys. Por substreki la kulturan agadon de Beuys, nia samideano Gunther, pendigis kelkajn manskribitajn afiŝojn kaj kelkajn tolaĵojn, kun la celo montri la ideon de Beuys ke en ĉio estas arto, kaj ĉiu povas esti artisto

La 26an, antaŭtagmeze, ni, per du busoj, iris al la mezepoka urbo Montblanc, kiun ni vizitis en tri grupoj kun oficialaj turismaj gvidantoj, kaj tradukitaj esperante de volontuloj, inter kiuj mi estis. Post vizito de la romanika preĝejo Sankta Mikaelo kaj de la gotika preĝejo Sankta Maria, ni promenis tra la juda kvartalo, fakte nur restas unu strateto, la Palaco Castlá, malgranda etnografia muzeo kaj la malnova hospitalo Sta Magdalena. Per vizito de vinkelo finis la ekskurso.



Post la tagmanĝo, s-ro Hussein Al Amily, irakano, loĝanta en Britujo, prelegis pri tre interesa kaj aktuala temo: La araba mez-oriento kiel centro de atento, kiu altiris la intereson de la ĉeestantoj, kiuj je la fino faris plurajn demandojn kaj akre debatis pri la temo.Sekve, s-ino Lafosse, amuzigis nin instruante Esperanton per kantado. Fine, post la vespermanĝo okazis debato, sub gvidado de Luis Serrano pri "Kial ankoraŭ ne triumfis Esperanto?, kiu vekis grandan intereson .

La 27an okazis la disdonado de la Premio Ada Sikorska-Fighiera al franca samideano Leo Lentaigne, kiu pro sia alta aĝo ne povis veni persone, kaj, konsekvence, la premion, medalon kaj diplomon, ricevis franca sinjorino.




Vespere, s-ano Choi Man Won prelegis pri Samaj kaj Malsamaj en Aziaj Tri Landoj (Ĉinio, Japanio kaj Koreio) en la kulturaj vidpunktoj. Nia korea samideano komencis la prelegon, enfazante tri komunajn karakterojn de la tri landoj, tio estas: Konfucianismo, etiketo kaj obeemo kaj menciis ke la koreaj kamparanoj uzas la lunan kalendaron, anstataŭ la okcidentan.. Ankaŭ li mencis la malsimilecon en la manĝaĵoj kaj en la ekonomia sistemo kun speciala mencio al la ĉina ekonomia sistemo.Vespere, s-ino María Ferigle prezentis videon de la Puccin-a opero "Tosca"

La 28an oni ekskursis al Lleida, kie ni vizitis la malnovan katedralon kaj la urbodomon, kun oficialaj turismaj gvidantoj kiu montris al ni ĉion interesan de ambaŭ konstruaĵoj, tradukante al esperanto, por la eksterlandanoj, bonvolemaj hispanaj samideanoj., De tie, ni iris al Borges Blanques kie ni vizitis specifan parkon kaj muzeon pri la Oleo. Revenante al La Pineda ni vizitis, ankaŭ fabrikon pri biskuitoj, kie ni estis malavare regalitaj por gustumi ilin.

La 29an, vendredo, ni vojaĝis al Tarragona, kun la nura celo, vidi monumenton al Castellers, skulptaĵo situata en centra strato kies aŭtoro estas Francesc Anglés, .filo de la Prezidantino de la Esperanta Asocio de Sant Cugat del Vallés, Trinidad García, kies historio, laŭ skribita teksto de S-ano Aragay, mi rakontis al unu el la grupoj, dum Aragay, mem rakontis al la aliaj. De tie, post longa veturado ni atingis la vinkelon de Castellblanch, kie post vidi videon kaj la diversajn instalaĵojn, ni povis gustumi la bonkvalitan katalunan ŝaumantan vinon, donacita de la entrepreno.

Posttagmeze, oni prezentis amuzajn kaj distrajn skeĉojn kun la aktorado de la montpeliera trupeto "Ĝo-Jo", kun la efika kunlaborado kaj aktorado de s-ro Luis Serrano kaj aliaj diverslandaj volontuloj. Jam vespere plenaere, apud la strando, oni aŭskultis al la ensemblo Montjuic kiu kantis belajn "habaneras" (kuba muziko) en kataluna, hispana kaj esperanta lingvoj, kiu estis premiitaj per granda aplaŭdado. Dum la paŭzo, ĉiu ricevis memorigan pokalon, kiun ni uzis por gustumi bruligitan rumon (Cremat)



La lastan tagon, antaŭ la tagmanĝo, okazis la lasta leciono de la kurso de Esperanto gvidata de s-ano Aragay kaj la prezentado de la vortaro Kataluna-Esperanto, eldonita de Barcelona Esperanto Centro. Vespere, okazis prelego de W. Gunther pri Libermerkata industrisekcio, medicino, monda socialforumo, finante, post la vespermanĝo kun tre agrabla kunsido en kiu ĉiuj povis opinii pri la Semajno, kun laŭdoj al la tri organizantoj.

Resume, agrablan kaj amikan kunvivadon en la marbordo, kiu meritas la viziton de la tutmonda esperantistaro.

Luis Hernández

# Surpriza mencio

*-ĉu vi vidis?, oni donis al li la postenon¡*
*-Kompreneble, li scias Esperanton*
*Via vivprotokolo bezonas turnopunkton. Esperanto.Malmultaj minutoj tage sufiĉas por lerni la lingvon de la estonteco.Esperanto, ne tion dubu. Kion vi atendadas?*

Tiel, sed en la hispana, komenciĝas la nova reklamo de *Renfe* por radio, anoncanta mallong-distancajn trajnliniojn. Komence, la reklamo estis nur tiu parto, kiel maniero surprizigi la aŭskultantojn. La kampajno daŭris de la 6a ĝis la 25 de novembro. Krome, oni faris afiŝojn kaj aĉetis spacojn en ĵurnaloj. (laŭ *Elconfidencialdigital.com*)

## Esperanto en 200 balkonoj¡¡

De la 26a de oktobro ĝis la 8a de januaro estas organiazata ekzspozicio pri nuntempa arto en Sevilo. (BIACS2)

La artisto Renée Green planis pendumi afiŝojn en 200 balkonoj de la urbo. Tiuj estos flagoj kun la vorto "bonveno" en ruĝo kaj la cetero en bluo. Voluntuloj estis serĉataj por pruntedoni sian balkonon.



# La dek ses fundamentaj malreguloj

Oni ofte aŭdas kaj legas la aserton ke nia lingvo estas sensescepta, absolute regula. Ekzemple: "La gramatiko de esperanto estas tre logika, multe pli logika ol iu ajn gramatiko de la naciaj lingvoj, kaj ĉefe: ĝi ne havas esceptojn", "la simpleco de la gramatiko, kiu enhavas neniun escepton", "koncerne la senesceptan gramatikon, ne necesas emfazi, ke tio estas ekskluziva avantaĝo de la lingvo de Zamenhof". Similaj asertoj vaste spureblas tra nia tuta propagando- mondo. Jen kelkaj el ili (kun fontindiko), nur el la du lastaj jardekoj:

*"La REGULARITÉ, qui n'a toléré aucune exception aux règles... Toute fonction linguistique est toujours exprimée par le même élément et cet élément exprime toujours la même fonction."*[La REGULECO, kiu toleris neniun escepton al la reguloj... Ĉiu lingva funkcio estas ĉiam esprimita per la sama elemento kaj tiu ĉi elemento esprimas ĉiam la saman funkcion] Pol Denoel, *L'Esperanto dans l'enseignement*, "Sonorilo", xilrijk, 1982, p. 9.

ᴥᴥ

"La gramatiko enhavas 16 senesceptajn regulojn..." Edxard Symoens, *Al nova internacia lingvopolitiko. La propedeŭtika valoro de Esperanto*, Esperanto-dokumento, Rotterdam, 1992, p. 15: "[Oni zorgos] ke esceptoj al la reguloj gramatikaj kaj vortfaradaj ne akceptatu." Macel Leereveld en *L'esperanto*, revuo de itala Esperanto-Federacio, aprile 1998, p. 14.

ᴥᴥ

"Ĝia gramatiko, plej simpla, enhavas nur senesceptajn regulojn" en informa faldfolio de Kataluna Esperanto-Asocio (1990);

ᴥᴥ

"Ĝi estas logika lingvo, absolute regula kaj sen esceptoj" en informa faldfolio de Barcelona Esperanto-Centro (1996);

ᴥᴥ

"[La gramatiko] konsistas el nuraj 16 reguloj, sen esceptoj aŭ malregulaĵoj" en la 80-paĝa informa broŝuro *Pro Esperanto* (1997) de Hispana Esperanto-Federacio, p. 35.

La listo estus facile pliampleksigebla. Sed ĉu tio respondas al la realo? Ni analizu ĉiun unuopan regulon de la Fundamenta Gramatiko. Mi citos laŭ la teksto aperanta en la verko de Kalocsay kaj Waringhien, *Plena Analiza Gramatiko de Esperanto* [PAG], UEA, Rotterdam, 1980, 3a eldono, rearanĝinte la regulojn laŭ la originala ordo.

***1.*** *Artikolo nedifinita ne ekzistas; ekzistas nur artikolo difinita (la), egala por ĉiuj seksoj, kazoj kaj nombroj. Rim. La uzado de la artikolo estas tia sama,*

*kiel en la aliaj lingvoj. La personoj por kiuj la uzado de la artikolo prezentas malfacilaĵojn, povas en la unua tempo tute ĝin ne uzi.*

Jen unu el la malplej klaraj reguloj. Unuavice ĉar "la aliaj lingvoj" tute ne havas unuecan uzadon de la artikolo. Ekz. en pluraj latinidaj lingvoj kiel en la kataluna, se mi rajtas baziĝi sur mia lingvo, kion la unua fundamenta regulo ŝajne permesas, oni diras: "Posa't el barret" (Surmetu la ĉapelon), sed en la angla "Put on your hat" (Surmetu vian ĉapelon). En la angla oni senartikole diras: "Cats are stupid" (Katoj estas stultaj), sed ne en la franca: "Les chats sont stupides". Ne en ĉiuj artikolhavaj lingvoj oni diras: Ludoviko la dekkvara, k.s. En la kataluna ĝenerale oni uzas difinan artikolon antaŭ personaj nomoj: la Maria, l'Enric... (kio ne retroveblas en aliaj lingvoj). Aliflanke la propre esperantaj subreguloj estas konfuzaj aŭ tre komplikaj. Vidu en PAG, paĝoj 95-100: *la Odiseado,* sed *Hamleto*; festonomoj senartikolas: Epifanio, Pasko, Kristnasko... "Sed oni trovas esceptojn: la Pasko (Z); la Pentekosto (Z)". Krome: la Unua de Majo, la Kristokorpo, la Palmaĵoj...; ĉe geografiaj nomoj: la Ruĝa Maro, sed Ĝeneva Lago; sezonoj kaj aliaj tempodividoj "ĝenerale ne toleras artikolon": "fariĝis somero", "de mateno ĝis vespero". Sed: "venis la vintro" (p. 98).

Plie oni povas resendi al la fundamenta (mal)regulo n-ro16 kiu tekstas: *La fina vokalo [...] de la artikolo povas esti forlasata...* Ĉi tiu kontraŭregulo mem estas escepta, kiel konstateblas pro la duboj de la poetoj Ĉu licas: "sur l' ĉielo", "kaj l' ludanto", "antaŭ l' kosma solo", kaj similaj?

Mi ne komentos la nedifinan uzon de la vorto "unu" en la zamenhofaj: "En unu vilaĝo loĝis du viroj..." "Unu vesperon, kiam li sidis hejme, ekstere fariĝis terura malbonvetero...", "Antaŭ multaj jaroj vivis unu reĝo, kiu tiel amis belajn novajn vestojn..." (Fabeloj de H.C. Andersen, p. 13, 55, 107). Tio kontraŭdirus la aserton: "Artikolo nedifinita ne ekzistas".

Resume, la unua fundamenta regulo havas gravajn esceptojn kiuj ne facile regeblas.

***2****. La substantivoj havas la finiĝon o. Por la formado de la multenombro oni aldonas la finiĝon j. Kazoj ekzistas nur du: nominativo kaj akuzativo [...]*

Eklernanto de la lingvo sur la unua paĝo malkovras ke pluraj inaj substantivoj "(mal)regule" finiĝas per a: Maria, Elizabeta... *Ili kaptis Elzan*, *Liza kaj Paŭlo*, *Gerda malaperis*. Multaj propraj nomoj kiuj ja estas substantivoj havas neniun finiĝon: Zamenhof, Kalocsay, Baghy, Auld, Boulton; aŭ iun ajn: "La patrino de Tambu vidas la bildon..." "La patro de Aka kaj Lute havas kvardek jarojn" "En ĉiu monato Aka skribas leteron al Karu." (*Esperanto aŭtodidakte*, 1989, p. 46, 100, 101), "Al Maria, Karina kaj Hajnal pro respektive refoja pacienco, babilemo kaj ĉarmo"

(dediĉo en *Tendaraj Tagoj*, kajero unu, de Stefan MacGill, 1993). Ĉi-kajere sur paĝo 6 tekstas: "Natalio estas svisino, Tuzla estas jugoslavino..." Krome oni povus citi multajn bibliajn kaj klasikajn proprajn nomojn: Lucifer, Miĥael, Levjatan, Vojski...

Kaj kion diri pri la vortoj hodiaŭ, morgaŭ kaj hieraŭ? Krom adverboj ili estas ankaŭ substantivoj, kiel konstateblas laŭ la PIV-aj difinoj kaj zamenhofaj ekzemploj: "Inter la hieraŭ kaj hodiaŭ staris tiu prova mateno"; "ĉiu morgaŭ havas sian zorgon"; "morgaŭ estas la amata tago de mallaboruloj".

Finbate oni devas rememori la jam cititan 16-an kontraŭregulon: *La fina vokalo de la substantivo kaj de la artikolo povas esti forlasata kaj anstataŭigata per apostrofo*. Do, la substantivoj povas finiĝi je iu ajn litero. Ĉi tiu malreguleco plej multe rimarkindas dum parolado aŭ laŭtlegado, kie "apostrofo" forestas. Precipe substantivaj unusilaboj neniel distingeblas disde la ceteraj.

Laŭ la sama regulo ekzistas nur du kazoj, sed en la praktiko troveblas almenaŭ unu plia: la e-kazo: "tio gravas vilaĝe, ŝi forestas ĝardene, tombe ĵuri venĝon, tempeste forlasis la ŝipo havenon, barelringe vasta ĉapelo" (esprimoj de Grabowski en *Sinjoro Tadeo*, 1918, cititaj de K. Kalocsay en *Lingvo, stilo, formo,* p. 57-58); "Ana, pluas / sama tuliptapiŝo surĝardene, / samaj veneroj staras / kolone ĉe la vaskoj, / kariatidas laŭbe kaj balustre..." (Miguel Fernández en *El la sonoraj soloj*, 1996, p. 77). Sed ankaŭ Zamenhof ĝin uzis samvalore: "unu vesperon, kiam li sidis hejme; mi restos hodiaŭ dome." (PIV-aj ekzemploj).

Supozeble la dua fundamenta regulo ne implicas ke oni povas ĝin returni, t.e., ke ĉiuj o-finiĝantaj vortoj estas substantivoj, ĉar tiam oni kontraŭmetus: maltro, retro, kotopo... Sed sufiĉas pri ĉi punkto.

***3.** La adjektivo finiĝas per a. Kazoj kaj nombroj kiel ĉe la substantivo.[...]*

Kio alia ol adjektivoj estas (laŭ la tradicia gramatiko, surbaze de kiu Zamenhof formulis tiun sian) jenaj korelativaj formoj: "Kiu viro alvenis? Neniu viro, sed virino. Kies ĉapelo ĝi estas? Mia ĉapelo ĝi estas. Tiu ĉi domo ne estas ĉies domo, sed mia, la gepatra.

Se oni emus konsideri ke "tiu", "ĉies" kaj la parencaj formoj ne adjektivas, tiam ankaŭ ne "mia" aŭ "gepatra", do, ĉi tiuj vortoj ne devus finiĝi per a... Aliflanke, kio estas la vortoj *ĉi* kaj *nul* en esprimoj kiaj "ĉi libroj", "nul homoj"? Ĉu ĉi-lasta ne ekvivalentas al neniuj aŭ neniuspecaj homoj? Do: tradicia adjektivo eksterregula. Plie, kelkaj plus aliaj similspecaj kvantaj adjektivoj, nun klasataj kiel determinativoj, escepte estas uzataj senfinaĵe en poezio almenaŭ ekde Antoni Graboxski. "Nur ankoraŭ kelk-steloj lumas el profundo" (*Sinjoro Tadeo*, p. 281).

Ni jam menciis la oftan a-finaĵon ĉe inaj propraj nomoj. Konklude, ne ĉiam adjektivoj finiĝas per a nek ĉiuj a-finaĵaj vortoj estas adjektivoj.

*4. La numeraloj fundamentaj (ne estas deklinaciataj) estas: unu, du, tri, kvar, kvin [...]*

Tamen, oni deklinacias la unuan: "unuj idealoj por la tuta homaro"; "la regado de unuj gentoj super aliaj"; "unuj objektoj venis en unujn manojn, aliaj en aliajn manojn"; "unun el viaj fratoj lasu ĉe mi" (ekzemploj ĉerpitaj el PIV, la du unuaj de Zamenhof). Aŭ ĉu kelkfoje "unu" ne estas numeralo, sed nedifinita artikolo? Tiam bonvolu legi la unuan fundamentan (mal)regulon laŭ kiu ĝi ne ekzistas.

Aliflanke troveblas la varianto "un" por "unu". Ekzemple: "Un! Du! Tri!" en la lernolibro *Assimil* aŭ en la traduko de *Tirano Banderas,* HEF, Madrid, 1993, p. 25.

*5. Pronomoj personaj: mi, vi, li, ŝi, ĝi (pri objekto aŭ besto), si, ni, vi, ili, oni; la pronomoj posedaj estas formataj per la aldono de la finiĝo adjektiva. La deklinacio estas kiel ĉe la substantivoj.*

Pri la pronomo "ĝi" estas dirate ke ĝi rilatas al objekto aŭ besto, sed: "la infano ploras, ĉar ĝi volas manĝi" (el-PIV-a zamenhofa frazo). Cetere, mankas en la listo la pronomo "ci". Kaj kion diri pri la uzado de la refleksiva "si"? Ĝi estas unu el la plej gravaj falpuŝiloj de la esperant-lingvanoj. Preskaŭ neniu plene trafas la ĝustan uzadon. Ĉi-kaze la teoriaj reguleco kaj senescepteco estas nur miraĝaj. Iom simile al la uzo de la akuzativo, kiun ni preterglitis en la dua punkto, sed longaj libroj skribeblas ĉirilate: "Mi pentras la arbon ruĝa" kaj "Mi parolas esperanton bela". Kiu facile regas la regulojn kaj subregulojn? Kaj kion diri pri la novaj pronomoj iŝi, ŝili, ŝi/li kaj similaj?

*6. La verbo ne estas ŝanĝata laŭ personoj nek nombroj. Formoj de la verbo: la tempo estanta akceptas la finiĝon -as; la tempo estinta -is; la tempo estonta -os [...] Ĉiuj formoj de la pasivo estas formataj per helpo de responda formo de la verbo* esti *kaj participo pasiva de la bezonata verbo; la prepozicio ĉe la pasivo estas* de.

La tempo estinta alprenas la finaĵon -is. Sed: "ŝi plendis ke pluvas". Ĉu "pluvas" ne rilatas al tempo estinta? Oni devas aparte lerni la uzon de la tempoj en la subjunkciaj propozicioj, kiel montras la 58 densaj paĝoj en PAG (p. 302-360). Formoj de la pasivo: laŭ la regulo ili formiĝas ĉiam pere de la verbo *esti*. Sed en la praktiko ni renkontas: ili vidatas, troveblas, troviĝas, manĝindas, evitendas, legindas, laŭdatu.... La prepozicio ĉe la pasivo laŭregule estas *de*. Sed oni uzas interalie: *fare de*, *far*... La fundamentaj participoj ne akceptas, laŭ la plena teksto de la sesa regulo, la formojn -unta kaj -uta, sed ĉi lastaj aperadas kaj parole kaj skribe: "eĉ perfiduntan ŝin mi volas mia, la ofendutoj pardonu" (PIV-aj ekzemploj).

Menciendus la -ata / -ita polemiko, sed ne sufiĉus ĉiuj paĝoj de ĉi libro. La imperativo kelkfoje formiĝas per la simpla radiko: "Halt!", "Marŝ!" Fine, ekzistas neverbaj vortoj kiuj finiĝas verbosimile, ekz.: oni, ili, dektri...

*7. La adverboj finiĝas per e; gradoj de komparado kiel ĉe la adjektivoj.*

Sed kio krom adverboj estas la vortoj: tiam, ĉiel, nenial, iom, ajn, pli, plu, jam, nun, tuj, jen... ? Kaj kio estas la aŭ-finaĵaj vortoj: baldaŭ, ankoraŭ, apenaŭ, preskaŭ, ankaŭ, morgaŭ, kaj similaj, en la esprimoj: "ili venos morgaŭ", "hieraŭ neĝis plu kaj plu", "mi restos hodiaŭ dome"?

Krome, la pseŭdofinaĵo "aŭ" estas kelkfoje ellasebla, laŭ propono de Zamenhof en 1892. Jen kelkaj ekzemploj el *Sentempa Simfonio* (1987), poem-antologio en traduko de Fernando de Diego: "Signif' ilia kuŝas / arkane, malantaŭe. / Kaj ank' ilia nomo." p. 121; "... Kaj tia estas la terura / la stulta forto sen pupiloj / ankor' pelanta ĉi virinon / iri kaj iri sur la trotuaro...", p. 135. Por oponiantoj ke nur Fernando de Diego enkondukis similajn novaĵojn, necesas memorigi ke jam Grabowski avangardis almenaŭ per apostrofado de presk' (adverbo), anstat' (prepozicio) kaj apen' (adverbo). Vidu en *Lingvo, stilo, formo*, p. 60.

Aliflanke, la tradicia kaŭzesprimo "dank' al", logike konsistas el "danke al".

Por plia komplikeco, la finaĵo -e estas uzata ankaŭ por la predikativo, kiu en pluraj aliaj lingvoj estas en tiuj kazoj akjektiva: "resti kun leono estas danĝere... "

*8. Ĉiuj prepozicioj postulas la nominativon.*

"Ekmarŝi kontraŭ iun"; "ŝi levas la bastonon kontraŭ lin"; "Kaino leviĝis kontraŭ sian fraton kaj mortigis lin": jen zamenhofaj frazoj kiuj apudiĝas al aliaj kun la sama prepozicio sen akuzativo: "la komitato nenion havas kontraŭ Svisujo"; "ŝi eltiras siajn blankajn manojn kontraŭ la ŝipo"; "kontraŭ neniu oni devas esti maljusta".

Ĉe aliaj prepozicioj, komparu: "Lot eliris al ili antaŭ la sojlon"; "ĵeti perlojn antaŭ la porkojn"; sed: "oni metis antaŭ mi manĝilaron"; "li montris rekten antaŭ si". Pli konataj estas la ekzemploj kun prepozicioj kiaj sub, super kaj similaj: "la muso kuris sub la tablon", "la aŭto veturis trans la riveron"; sed: "pensoj iras trans limo sen pago kaj timo". "Traflugis anĝelo preter orelo"; "vi pasis preter via sklavo"; sed, kun la sama senco: "ne pasu preter vian sklavon!" (la tri lastaj, PIV-aj ekzemploj estas de Zamenhof kaj de la Biblio). Do, ĉiuj prepozicioj postulas la nominativon, *krom* kelkaj en multaj eventualoj, precipe kiam temas pri almovo, sed la subreguloj estas malsimplaj kaj esceptaj.

***9**. Ĉiu vorto estas legata, kiel ĝi estas skribita.*

"Posttagmeze la tankoj transsaltos la barilon": ĉu efektive vi legis post-

tagmeze, trans-saltos, kun du apartaj t-oj kaj s-oj? Ĉu oni ĉiam unuforme prononcas jenajn vortojn: scias, kvar, kvin, absurda, ekscelenco, eksciti, konscienco, matĉo, Finnlando? “Laŭ la teoria vidpunkto [...] ni devas elparoli ĉiun sonon severe aparte; sekve se ni deziras paroli severe regule, ni devas elparoli “pan-jo”, “san-go”, “mi-a”. Sed Zamenhof mem allasas: “Batali kontraŭ tia natura emo en la elparolado ŝajnas al mi afero tute sencela kaj senbezona...” (Respondo 56, *Oficiala Gazeto*, IV, 1911, p. 222). Kion vi pensus, se dum kongreso vi aŭdus anoncanton elparoli: “PosT-tagmeze ni rendevuos ĉi tie je la tria”? Oni trovus tion afekta. Do, esceptoj allasatas kaj eĉ kelkaj ennormiĝis. Ĉu la transiro de teĥnika al teknika, de arĥitekto al arkitekto, de arĥeologio al arkeologio, por ne paroli pri Hhinujo, ne estis siatempe aŭ estas nun pliaj esceptoj je la normo?

Eblus interpreti ĉi tiun naŭan regulon kvazaŭ ĝi inkluzivus la aserton ke ĉiu fonemo respondas al unu litero kaj inverse. Tion subtenas la diroj de Zamenhof: “la uzado de unu litero por unu sono estas multe pli logika ol la uzado de du literoj” kaj “la fina leĝo por nia ortografio estos: “por unu sono unu litero” (Lingvaj respondoj, n-ro 58, La Esperantisto, 1891). Sed ĉi-rilate la *Fundamento* mem, post la listo de la literoj, nuligas la absolutan regulecon: “Rimarko. Presejoj, kiuj ne posedas la literojn ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, ŭ, povas anstataŭ ili uzi ch, gh, hh, jh, sh, u.” Krome tekstas, ke oni “povas” uzi ĉi tiujn anstataŭojn. En la praktiko oni renkontas plurajn aliajn, precipe: ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, ŭ, ktp.

*10. La akcento estas ĉiam sur la antaŭlasta silabo.*

Krom en kelkaj unusilaboj. Evidenta, sed reala escepto. Kaj ne ĉiam la unusilaboj akcentatas sed nur laŭpozicie. Cetere: en apostrofitaj vortoj la akcento tute ne sidas sur la antaŭlasta silabo: “Rajdant’! La hejmo jam ruin’! Rajdant’! Revokas vin patrin’! Rajdant’! Postploras vin infan’!” (K. Kalocsay, “La nigra rajdanto”, *Ora Duopo*, p. 114). Kaj kion diri pri esprimoj kiaj “vi ‘stas bela”, aŭ pri oftaj personaj nomoj kiaj *Zamenhof*, *Waringhien*, *Kalocsay*? Nur konantoj de la subreguloj (esceptoj) povas ilin ĝuste elparoli laŭ la akcento.

*11. Vortoj kunmetitaj estas formataj per simpla kunigo de la vortoj (la ĉefa vorto staras en la fino); la gramatikaj finiĝoj estas rigardataj ankaŭ kiel memstaraj vortoj.*

Jen regulo plena de kontraŭdiroj, t.e. de esceptoj. Ĉar la gramatikaj indikiloj logike ne estas la ĉefa elemento de vorto se oni prikonsideras la signifon. Do, oni devus diri: o-ĉeval, a-san, is-kant. Tamen, la gramatikaj indikiloj estas devige finaĵoj. Cetere, -n kaj -j ne estas memstaraj krom escepte.

Jen aliaj kazoj, kie la ĉefa signifo-elemento ne staras en la fino: *maneto*, *viraĉo* (komparu kun. *fiviro*), *arbarego*, *kolumo*... Vd. en PAG, p. 435: “Ĉe radiko-sufiksaj kunmetoj [kun et, eg, aĉ, um] staras ĉiam la sufikso en la fino, eĉ

se ĝi ne estas la ĉefa vorto." Kaj jen aliaj specialaj kunmetaĵoj: *mia sinfido*, *via sinmortigo* (ne: *si-mortigo* aŭ *vi(n)-mortigo*), *ĉiovida* (sed ne: *ĉionvida*, kvankam temus pri "simpla kunigo de la vortoj"), *vivipova*, *pagideva*, *multebranĉa*, *multalingvulo*, *kelkafoje*, *plenmano*, *panjo*, *Vilĉjo*, *onjo*, *Petruĉjo*...

Vaste konatas la nefinitaj (kaj nefineblaj) diskutoj pri la transitiveco de la verboj aŭ pri vortkategorioj kaj radikkarakteroj: *gladilo*, *ŝlosilo*, *fosilo*, sed *broso*, *martelo*, *pioĉo*; *kudristino*, *okulisto*, sed *tajloro*, *oftalmologo*.. . Ĉe vortoj kiaj *japano*, *koreo*, *portugalo*, *vjetnamo*, *egipto*... ĉu ni simple kunigu la "vortojn": japan-an-o, portugal-an-o, kore-an-o, vjetnam-an-o, egipt-an-o, ktp? Ege komplika kampo de la lingvo, kun multnombraj esceptoj kaj embuskoj, kiuj mem poiom ĥameleone ŝanĝiĝas.

*12. Ĉe alia nea vorto la vorto "ne" estas forlasata.*

Oni ne povas nei ke esperanto estas malfacila. En ĉi tiu frazo kunestas nea vorto kia sendube estas "nei", do oni devus forlasi la vorton "ne": "Oni povas nei ke esperanto estas malfacila". Sed la signifo tute aliiĝas. Tial do, necesas klarigoj pri la regulo, kiuj inkluzivas ke la adverbo devas stari senpere antaŭ la koncernata vorto, escepte de kelkaj esprimoj kiel la zamenhofaj: "blindulo kartojn ludi ne devas", "la ŝuldoj ne estos pagataj de mi", "ni ne devas malplaĉi al li". Aliflanke, PIV atentigas: "Respondante al nea demando, kies ne-adon oni volas konfirmi, kelkaj popoloj, precipe okcident-eŭropaj, uzas *ne*, dum aliaj, precipe orientaj, uzas *jes*". Do, se atakas vin la duboj post la demando de kisinda knab(in)o: "Ĉu vi ne venos?", kion vi laŭregule respondu? Nepre "Jes!". ĉar "ĉe alia nea vorto la vorto "ne" estas forlasata. Pri detaloj kaj esceptoj vidu en PAG, p. 126-128: "Ŝi ne povis ne vidi..." (Z) "tio ne kostis neniom"...

*13. Por montri direkton, la vortoj ricevas la finiĝon de la akuzativo.*

"Mi vojaĝis al Barcelono kaj verturis ĝis la parko". Kie troviĝas la akuzativa finiĝo? Denove necesas klarigoj pri la regulo, ĉe kiu aperas abunde da specialaj kazoj. Ni jam prikonsideris plurajn rilatajn al "antaŭ", "kontraŭ", "trans", "preter". Kion vi dirus: "La ŝoseo al Barcelono, la ŝoseo Barcelonon, Barcelonen, de Barcelono"? La praktiko malsimplas. En PAG, p. 260 tekstas: "La akuzativo estas uzebla nur, kiam oni atingas la internon de la celo: iri Parizon, lernejon, preĝejon. Do oni ne povas diri: "iri sian amikon, kuri arbon, [...] standardon fiksitan meze de kampo". Sed oni uzas ĝin tiamaniere, kiam la verbo havas prepozicion prefiksoide: aliri sian amikon, alkuri arbon..." Ĉu tio estas esceptoj aŭ kontraŭesceptoj de la fundamenta regulo? Ambaŭ.

*14 [a]. Ĉiu prepozicio havas difinitan kaj konstantan signifon...*

Ekzemple, la prepozicio *de* laŭ PIV signifas:

1. La punkton de la spaco, spacospaco, kie komenciĝas movo, la malproksimigon, la deiron, kaj metafore la malsimilecon, la devenon.
2. La punkton de la tempo, kie komenciĝas ago.
3. La metaforan originon, la kaŭzon.
4. La aganton de la ago esprimata per pasiva aŭ pasivsenca verbo.
5. La apartenecon.
6. La posedanton.
7. La posedatan econ.
8. La rilaton inter du subst-oj, el kiuj la dua estas mezuro de la unua.
9. Difinitan limigitan apartaĵon de priparolata aŭ jam priparolita aĵo.
10. La aganton de la ago, kiun esprimas subst. derivita el verbo.
11. La objekton de la ago, kiun esprimas subst. derivita el verbo.
12. Simple la gramatikan dependecon kun iom malpreciza senco.

RIM 4 Pro la multsenceco de "de" estas ofte konsilinde anstataŭigi ĝin, se eble, per pli preciza prep. (en, el, pri, pro, super, kontraŭ, antaŭ kc). Resume, ĝi havas nek difinitan nek konstantan signifon. Sed ĉu la ceteraj prepozicioj havas? Laŭ la sama vortaro, *en* havas 7 signifojn; *el*, 6; *pri*, 3; *pro*, 3; *super*, 4; *kontraŭ*, 8; *antaŭ*, 4...

*14 [b]. ... sed se ni devas uzi ian prepozicion kaj la rekta senco ne montras al ni, kian nome prepozicion ni devas preni, tiam ni uzas la prepozicion* je*, kiu memstaran signifon ne havas. Anstataŭ la prepozicio* je *oni povas ankaŭ uzi la akuzativon sen prepozicio.*

La prepozicio "je" deinterne detruas la regulon, ĉar ĝi havas nek difinitan nek konstantan signifon. Fakte, laŭ PIV ĝi havas 6 signifojn, do, ne plie ol la prepozicioj de, kontraŭ, en, el. Kaj la lasta parto de la "regulo" tute ne estas ĝenerale aplikebla. Komparu: *graveda je filo - graveda *filon; libera je tiuj mankoj - libera *tiujn mankojn; havi rajton je io - havi rajton *ion; konduki iun je la nazo - konduki iun *la nazon; ŝi eltiris je la kornaro nordan cervon - ŝi eltiris *la kornaron nordan cervon; ŝi retiriĝis je kelke da paŝoj - ŝi retiriĝis *kelken da paŝoj*. Tamen, jes ĉe kelkaj esprimoj kiaj: "mi estas je unu jaro pli juna"; "la reĝo vetis kun li je ses berberaj ĉevaloj". Do, subreguloj kaj esceptoj abundas.

*15. La tiel nomataj vortoj fremdaj, t.e., tiuj, kiujn la plimulto de la lingvoj prenis el unu fonto, estas uzataj en la lingvo Esperanto sen ŝanĝo, ricevante nur la ortografion de tiu ĉi lingvo; sed ĉe diversaj vortoj de unu radiko estas pli bone uzi senŝanĝe nur la vorton fundamentan kaj la ceterajn formi el tiu ĉi lasta laŭ la reguloj de la lingvo Esperanto.*

Observatorio, observejo, redakcio, redaktejo, redaktoro, redaktisto, direkcio, direktejo, direktoro, direktisto, fragmento, fragila, frakasi, frakcio, frakturo, komputoro, komputero, komputilo, ekzistencialismo, ekzistadismo, ekzotika, ekzota, intui, intuicii, sponta, spontana, spontanea... Ĉu tio estas senescepta reguleco? Senkomente.

*16. La fina vokalo de la substantivo kaj de la artikolo povas esti forlasata kaj anstataŭigata per apostrofo.*

Evidente temas ne pri regulo sed pri kontraŭregulo. Krome, ankaŭ la deksesa allasas esceptojn, ĉar ne ĉiam klaras kiam oni povas apostrofi (fenestr' panorama; vintr' glacia, vd. supre) kaj eblas interpreti ke la apostrofo *povas* esti anstataŭigata kaj do tute forlasata, kiel oni vidas en kelkaj poemoj:

Acapulco

Acapulco estas ridet kaj vundo.
Belulinoj perfektas je la koks
kaj estas dolĉo en la maro.
Fluadas festotag grandioza,
noktoj sen ajna kompar.

Peter Broxne, en *Fonto*,
n-ro 261 (sept. 2002), p. 13.

ꝏ

Demandite

[...]

Tegoloj falos, putros homa karno
inter ruinoj kaj - post fum abrupta
en multaj lokoj - restos vundobruloj
de geviroj ŝiritaj pli profunden
ol pens aŭ sento. Tiam mavo plia:
la lantaj abomenoj de malsato
kaj konscienco. Ie stumblos aŭ kuŝos
ankaŭ mi kaj la miaj, aŭ ni kaŭros
post murkolapso inter frakasitaj
mebloj sub pluv apokalipsa, malemaj
forlasi por vagado tra vakuoj
ĉi korangulon de la kunfeliĉo.
Sentegmentigon certe atendadas
komuna peko kaj senkulpo komuna...

Edxin de Kock, en *Horizonto*,
n-ro 6 (nov.-dec. 1976), p. 131.

Konklude, malĝustas la aserto ke la esperantlingva gramatiko konsistas el 16 simplaj reguloj sen esceptoj. Pli adekvatas formuloj kiaj: "Esperanto, lingvo preskaŭ sen esceptoj, kun nur dekunu gramatikaj morfemoj..." (Fernando de Diego, *Nuevo método de Esperanto para clases y autodidactas*, Heroldo de Esperanto, Pisa, 1992, p. 13). Esence nia lingvo estas nenia matematika kodo, sed multfaceta kompleksa strukturo vivanta, kiel ĉiu lingvo; pli simpla-regula laŭ kelkaj aspektoj, precipe laŭ tiuj plej surfacaj, sed multregula kaj implika laŭ aliaj. Verdire ni ĉiuj konsentas ke ĝi estas entute pli simpla ol tiuj naciaj, sed ne je tioma grado ke ĝi lerneblus surbaze de dek ses reguloj senesceptaj.

Abel Montagut

# Mortis la bonzo, restu la bardo

La dekunuan de septembro, kvin jarojn post la kamikazaj atakoj kontraŭ la ĝemelaj turoj en Novjorko, kaj du monatojn antaŭ sia 82a naskotago, transmondiĝis William Auld, ekspiloto de ĉas-aviadiloj kaj emerita viclernej-estro skota. Tamen la enciklopedioj ignoros liajn profesiajn okupojn kaj eternigos tute alian flankon de lia bunta vivo. Oni ja memoros lin precipe kiel eminentan poeton, kiel la plej gravan verkiston kiu ĝis nun ĝuis, ekspluatis kaj riĉigis la poezian universon de E-o.

En 1991, okaze de la 31aj *Internaciaj Floraj Ludoj*, mi renkontiĝis kun Auld en Katalunio (Barcelono kaj Taragono), kie li festprelegis dum la premio-disdono. Tiam mi konversis kun li plurfoje kaj ankaŭ amuziĝis kun li kaj aliaj E-istaj amikoj en kafejoj, kie okazis tre vervaj kaj laŭtaj babiloj. Auld estis tre drinkema kaj facile gajiĝis post unu aŭ du glasoj. Ni multe ridis kaj ĝuis la etoson. Li estis tre afabla, inteligenta, sprita kaj agrabla konversemulo. Krome, li parolis la lingvon tre flue kaj bele. Mi kunportis al Barcelono mian ekzempleron de *La Infana Raso*, al kiu li aldonis subskribon kaj tre ĝentilan dediĉon. Mi konservas ĉi ekzempleron kiel relikvon kaj vendus ĝin por nenia prezo.

Tamen post kelkaj jaroj niaj vojoj disiĝis. Kiam mi publikigis satiran recenzon pri *La Manto*, pseŭdonima verko de Aldo de' Giorgi koncernanta kelkajn gravajn movadulojn (precipe Giorgio Silfer kaj Perla Martinelli), Auld sendis plendleteron al la redakcio de *Monato*, en kiu li komunikis sian suspekton ke oni komplotas kontraŭ la fama itala paro, kun kiu li tiam havis tre bonajn rilatojn. Sekve, li demisiis de sia ofico kiel redaktoro de la literatura fako de tiu magazino. Tiam niaj rilatoj - kiuj jam antaŭe iĝis iom malvarmaj - tute rompiĝis. Pro stulta ŝerco miaflanka, bedaŭrinde…


William Auld

Pri la verkaro de Auld jam aliaj verkis pli fake kaj leginde ol mi povus fari. Mi rekomendas i. a. profundan eseon de Edwin de Kock kaj detalan recenzon de Mauro Nervi. Mi diru nur ke ekde 1989 mi estas fervora kaj senĉesa leganto de liaj poemoj. Auld pintas ne nur en *La infana raso* (1956), lia majstroverko, ofte menciata sed mal-

-ofte legata de la verdaj propagandistoj. Ankaŭ liaj postaj poemaroj *Unufingraj melodioj* (1960) kaj *Humoroj*(1969) pruvas ke li estis genia artisto de la lingvo kiun li elektis por esprimi sian vizion pri la homo, la vivo kaj la universo. De lia plumo E-o fluas jen kalme jen torente, sed ĉiam bele, ĉiam nove, ĉiam surprize, kvazaŭ la lingvon Zamenhof modlintus ĝuste por la lertaj manoj kaj eltrovema menso de ĉi skota kreemulo. Li uzas vortprovizon riĉan, nuancitan kaj plenan de subtile kunligitaj konceptoj. Lia rafinemo impresas kaj allogas ajnan leganton, sed samtempe liaj poemoj malhavas la laboratoriajn artifikojn kaj la buduaran ŝminkon kiuj impregnas tiom da skribaĵoj de komencantoj kaj eĉ de kelkaj aŭtoroj kiuj ĝuas bonan reputacion en la movado. Auld estas kaj ĉiam estos fonto de neelĉerpebla plezuro por ajna poezio-amanto.

De lia plumo E-o flu-as jen kalme jen torente, sed ĉiam bele, ĉiam nove, ĉiam surprize, kvazaŭ la lingvon Zamenhof modlintus ĝuste por la lertaj manoj kaj eltrovema menso de ĉi skota kreemulo

Pri aliaj facetoj de Auld (i. a. kiel tradukisto kaj eseisto) mi ne havas tiel favoran opinion. Unuflanke, la kvalito de lia prozo-stilo ne atingas la pinaklojn de lia poemado. Aliflanke, liajn meritojn sur ĉi kampoj iom diluas lia troa proze-litismo, kiu poiome kreskis dum lia maljuniĝo. Auld ja deziris konstante pruvi ke per E-o oni povas esprimi ĉion, kaj ĉi deziro instigis lin esperantigi tre malfacilajn poeziajn verkojn, sen konscii aŭ agnoski ke E-o ordinare havas vortojn pli longajn kaj pli "eksplikemajn" ol ekzemple la Angla. Sekve, por kongru-igi la lingvon kun la ritma kaj rima kanvaso de la originaloj, li devis iom karakoli en la grama-tika maneĝo, kio ofte naskis versojn iom torditajn kaj malfacile legeblajn. La samo cetere aplikeblas al Kalocsay kaj aliaj korifeoj. Krome, lia amego al E-o kiel movado socia kaj kultura igis lin supertaksi la kvaliton de multaj verkistoj, kio malpliigas la sciencan valoron de liaj eseoj kaj antologioj.




"La infana raso", elstara verko de Auld




"Paŝoj al plena posedo" estas unu el la plej konataj esperantaj lernolibroj

Auld poiome fariĝis ikono de la movado. Li mem nek prajmis nek nutris tiun disvolviĝon, sed li akceptis ĝin pasive. Ne pro vanto aŭ aroganto - li ja estis homo tre honesta, modesta kaj sincera - sed pro naivo kaj troa bonvolo, precipe dum la lastaj jaroj, kiam la diversaj partioj kaj skoletoj de la movado komencis uzi lian figuron kiel allogilon por siaj demagogiaj celoj kaj politikaj manovroj. Tiam li fariĝis vera bonzo, legata de malmultaj sed uzata de ĉiuj. ĉio kulminis en la delira Nobel-aventuro. Auld ne plu estis la audaca junulo de *Spiro de l' pasio*, sed kultinda maljunulo, kiun neniu rajtis ĝeni aŭ eĉ kritiki. Krome, li falis en la reton de la Civito, la plej aberacia sekto kiu ĝis nun ĝermis en la holdo de la E-ŝipo. Sekto kiu celas krei mikrokosmon aŭ paralelan mondon E-lingvan, kun propra registaro, propra parlamento, propra tribunalo, propraj policanoj, propra prizono, eble ankaŭ propra monunuo kaj propraj putinoj. Kaj Auld ne rimarkis tian ekstravagancon, aŭ preferis fermi la okulojn.

La 11an de septembro, feliĉe, mortis nur la bonzo. La bardo restos inter ni kaj plu delektos nin per siaj vivdaŭraj verkoj.

Gonçalo Neves



Nekrolololoj pri Auld aperis en kelkaj hispanaj ĵurnaloj, kiel *El Mundo* aŭ *La Razón* (ĉi sube, 18an de septembro de 2006)

William Auld (82)

**Escritor en esperanto y candidato al Nobel**



William Auld, escritor en esperanto, falleció el lunes pasado en su domicilio en Escocia. Considerado el más importante de los poetas contemporáneos en este idioma internacional, fue candidato al Premio Nobel en 1999. Su primer libro fue editado en La Laguna (Tenerife), según recordó en un comunicado la Fundación Esperanto.

Auld, escocés, había nacido el 6 de noviembre de 1924 y era profesor de Literatura. Aprendió el idioma esperanto en 1937, y empezó a escribir literatura una década después.

En 1952 apareció el libro «Kvaropo» (Cuarteto), con poemas suyos y de otros tres poetas que dieron nacimiento a lo que se llamó la «Escuela Escocesa», que agrupó a algunos de los mejores poetas de los años inmediatamente posteriores a la II Guerra Mundial, tomando así el relevo de la justamente famosa «Escuela Húngara», del periodo de entreguerras.

El libro supuso el nacimiento de la editorial Stafeto, fundada por el profesor canario Juan Régulo Pérez, la más prestigiosa de la literatura en esperanto durante los años 50 y 60 del pasado siglo.

Entre los libros originales de Auld destaca especialmente «La infana raso» (La raza infantil), largo ciclo poético, que ha sido traducido y editado también en inglés, holandés, portugués y húngaro.

Destaca también su labor traductora de textos en inglés al esperanto. Entre otras se encuentran dramas de Shakespeare, Oscar Wilde, Jack London, Arthur Conan Doyle, y la traducción completa de «El señor de los anillos», de Tolkien.

# Esperanto kaj la Intercivitana Milito

Toño del Barrio kaj Ulrich Lins prelegos pri " La uzo de Esperanto dum la Civila Milito", en la kongreso pri la hispana Civila Milito , okazonta de la 27a al la 29a de novembro. Ni atendas novaĵojn de tiu partopreno.

http://www.congresoguerracivil.es

# Retrovado de la historia memoro: la afero Sidonio Pintado

Mi ne scias kiom oftis tio en pasintaj jaroj, sed ŝajnas al mi eble, ke dum la lastaj tempoj tio fariĝis pli kutima, pro kialo ankaŭ videbla en la ĝenerala socio. Dum multaj jardekoj la filoj ne emis aŭ ne kuraĝis levi demandojn pri pasintaj agadoj de siaj gepatroj, eĉ sendanĝeraj, pro la timo malfermi vundojn aŭ alfronti riskojn aŭ malfacilaĵojn, aŭ simple ĉar la ĉirkaŭantaj rememoroj ne estis aparte feliĉigaj. Tiam estas la nepo kiuj ekinteresiĝas pri pasintaj tempoj, kaj deziras scii kion faris aŭ kion suferis la avo, jam sen timo kaj kun pli malfortaj personaj implikiĝoj. Tion oni trovas en la ĝenerala socio, kaj estas, laŭ mia opinio, unu el la kialoj de la lastaj klopodoj por la retrovado de la historia memoro, post la deviga kaŝado de la precedencoj dum la unuaj jardekoj post la inter-civitana milito, kaj la volonta flankenmetado dum la unuaj jaroj de la politika transiro.

Kiel dirite, tion mi trovis plurfoje dum la lastaj monatoj en nia movado, kaj mi taksas ĝin tre pozitiva fenomeno, ĉar tiel aperas ŝanco denove alproksimigi Esperanton al tria generacio de homoj, kiuj konsideros nian lingvon elemento de sia familia heredaĵo, kaj samtempe helpi retrovi la historian memoron de nia movado. Mi volas ekzempligi tiujn demandojn kaj klopodojn per vere reprezenta rakonto, tute forgesita, kies kortuŝaj trajtoj alvenis al ni pere de la klopodoj de la nepino de la ĉefrolulo, Sidonio Pintado.

Antaŭ kelkaj monatoj alvenis al la oficejo de HEF letero de junulino, Natalia Pintado, kiu estis trovinta, inter la paperaĵoj lasitaj de sia avo, diversajn informojn pri Esperanto. Laŭ ili, li estis interalie delegito de la Universala E-Asocio jam en 1910, verkis diversajn artikolojn pri Esperanto, kaj korespondis kun eksterlandanoj en tiu lingvo. Kaj ŝi demandis ĉu ni konis la nomon de Sidonio Pintado, kaj sciis iom pli pri lia aktivado.



Eble en la unua momento, kiam vi unuafoje aŭskultas la nomon de Sidonio Pintado, ĝi ne estas facile rekonebla, ĉar dum la lastaj 70 jaroj ni neniom sciis pri li. Nur en la nemalhaveblaj verkoj de Antonio Marco aperas ĝia nomo, kaj se vi legas niajn "Analojn", oni trovos ke s-ano Pintado ne nur estis esperantista aktivulo, sed ke li estis unu el la fondintoj de Hispana E-Asocio en 1925, kaj eĉ estis ĝia prezidanto dum periodo de tempo antaŭa al la civila milito.

Vi povas imagi la ĝojon de la nepino, kiam ni informis ŝin pri la diversaj okazoj kiam la agado de la avo aperas en niaj arkivoj. Kaj tiam ŝi informis nin pri lia vivtrajektorio, liaj ceteraj agadoj... kaj lia tragika fino.

## Vivo

Vi povas imagi la ĝojon de la nepino, kiam ni informis ŝin pri la diversaj okazoj kiam la agado de la avo aperas en niaj arkivoj

Sidonio Pintado naskiĝis la 24-an de januaro de 1886, en Villanubla, provinco de Valadolido. Li fariĝis instruisto, kaj de 1906 laboris en diversaj bazlernejoj de vilaĝoj en provincoj de Santandero, Burgoso, Biskajo kaj Valadolido. Oni trovas ke jam juna li havas multflankajn aspirojn, kaj ekzemple en 1911 li ricevas stipendion de la Konsilio por Ampleksigo de Studoj (JAE) por studi la lernejan organizadon en Parizo kaj Belgio. Tiam li ankaŭ komencas sian kunlaboradon en ĵurnaloj, nome en "El Norte de Castilla", kie dum pluraj jaroj li redaktos la rubrikon "Vivo en la lernejo".

Familio Pintado

Dum lia laborado en Sieteiglesias (Valadolido) kaj Baltanás (Palencio) li plu okupiĝis pri diversaj aspektoj de la renovigo de la instrumetodoj, kaj en lia vivprotokolo troviĝas multflankaj vizitoj al aliaj institucioj kaj verkado de artikoloj kaj informoj.

kaj verkado de artikoloj kaj informoj.

En 1920 li translokiĝis al Madrido, al la Lerneja Grupo Bailén, kaj daŭrigis sian aktivadon por la pedagogia renovigo. Dum la 20-aj jaroj li partoprenis la vivon asocian de instruistoj. Por ke vi taksu lian gravecon tiurilate, ni povas resumi el lia longega vivprotokolo, kompilita de lia nepino, ke, interalie, li estis unu el la redaktoroj de la konata revuo "El Magisterio español", membris en la estraro de la Ĝenerala Asocio de Instruistoj, verkis librojn, partoprenis kongresojn, ktp. Krome li membris en la framasonaro (mallong-tempe), en la Socialista Partio kaj poste estis voĉdonanto en la estraro de la Partio Respublikana Radikal-Socialista.

Post la alveno de la Respubliko, Sidonio Pintado estis nomumita Konsilisto de Publika Instruado. Li direktis grandan parton de siaj energioj al la organizado de la instruo de blinduloj kaj surdmutuloj, kiuj ĝis tiam estis apenaŭ atentataj en siaj bezonoj je instruiĝo, kaj estis Komisaro de la Nacia Lernejo por Blinduloj kaj Surdmutuloj. Li ankaŭ laboris en la organizado kaj favor ado de infanaj kampadejoj (colonias).

En 1935 li estis Direktoro de Lerneja Grupo Lope de Vega en Madrido.

## Esperanta agado

Dum ĉiuj ĉi jaroj Sidonio Pintado aktivis tre intense rilate al Esperanto. En la dokumentaro kolektita de la nepino aperas informo ke jam en 1910 li apartenis al Universala Esperanto-Asocio. En la postlasintaj aŭ kolektitaj dokumentoj troviĝas tre diversaj atestoj de la intensa sindediĉo de nia samideano al la lingvo. Ekzemple, konserviĝas kolekto de stampoj diversmaniere rilataj al la lingvo, poŝtkartoj, desegnoj. Li korespondadis kun samideanoj el aliaj landoj, ŝajne plejofte kun aliaj kolegoj instruistoj.

Li havis oftan rilaton kun profesoro Pierre Bovet, direktoro de la Internacia Buroo de Edukado, fondinto de la Instituto Jean-Jacques Rousseau en Ĝenevo, kaj patro de la (eble denaska) esperantisto Daniel Bovet, naskiĝinta en 1907, kaj Nobel-premiita pri medicino en 1957. Pintado lin vizitis en Ĝenevo, kaj reciproke ĉiĉeronis kiam Bovet vizitis Madridon en 1928. En tiu okazo, s-ano Pintado verkis artikolon en la citita revuo “El Magisterio español”, priskribante la aktivadon de profesoro Bovet en tiu vizito, inklude de liaj kontaktoj kun la esperantistaj asocioj en Hispanio. Ĝin akompanis letero de Bovet al la hispanaj geinstruistoj, tute en Esperanto. La letero aperis tradukita al la hispana nur la sekvan numeron de la revuo, kune kun biografio de Pierre Bovet.

reciproke ĉiĉeronis kiam Bovet vizitis Madridon en 1928. En tiu okazo, s-ano Pintado verkis artikolon en la citita revuo “El Magisterio español”, priskribante la aktivadon de profesoro Bovet en tiu vizito, inklude de liaj kontaktoj kun la esperantistaj asocioj en Hispanio. Ĝin akompanis letero de Bovet al la hispanaj geinstruistoj, tute en Esperanto. La letero aperis tradukita al la hispana nur la sekvan numeron de la revuo, kune kun biografio de Pierre Bovet.

Aliaj diversaj artikoloj kaj novaĵoj verkitaj de Sidonio Pintado aperis en la sama revuo, ĉu sianome, ĉu per la plumnomo Juvenal. Multaj el ili temis pri Esperanto, kaj ili ofte estis grupigitaj en propra rubriko “Notas esperantistas”. Ekzemple, en 1935 aperis informo pri la kreo de Asocio de Esperantistaj Instruistoj, kiun li prezidis. En aliaj okazoj li uzis la lingvon kiel perilon de informoj pri aliaj aferoj kiuj lin interesis, kiel la instruado de blinduloj, la pedagogia renovigo aŭ la porpaca edukado.

Sed pri kio ne aperis ŝpuroj en la familiaj dokumentoj, kaj pri tio ni informis la fmilianojn, estas la grava aktivado en la ĝenerala hispana esperantista movado. Ekzemple, li estis unu el la fondintoj, en 1925, de la Hispana Esperanto-Asocio. Plej grave, li prezidis tiun asocion inter 1935 kaj 1936.

La elekto de Pintado por tiu prezidanteco okazis meze de grava krizo de la hispana movado, tre dividita inter

la Asocio kaj la Konfederacio kiun favoris la plej malcentralismaj grupoj. La divido estis tre akra, kaj la personeco de la ĝistiama prezidanto de HEA, Julio Mangada, ne helpis en la glatigo de la unuecigaj klopodoj entreprenitaj de diversaj samideanoj. Do, en majo 1935 li demisiis, kaj Sidonio Pintado ekoficis kiel nova prezidanto. Li tamen tre baldaŭ ĉesis plenumi tiujn funkciojn, kaj jam en oktobro oni povas konstati lian malĉeeston en la diversaj protokoloj de la estraro de la Asocio. En la kongreso de junio 1936 ni trovas klarigon ke "la nuna prezidanto ne plu interesiĝas pri la afero", kaj ke necesas nova prezidanto, por kio denove estos elektita Julio Mangada

Kiu estas la kialo de tiu surpriza konduto? Ni ne scias, kaj ne sukcesis trovi malferman klarigon. Ni povas supozi du tipojn de kialoj, kiuj ne ekskludas unu la alian. Unue, la okupiteco de Sidonio Pintado dum tiuj jaroj estis eksterordinare granda, en aliaj liaj interesoj. Interalie, ni scias ke en februaro li estis elektita kandidato por urbkonsilisto, en la partio Respublikana Maldekstro, en kiu li tiam anis. Li ankaŭ estis konsiliano en la Speciala Konsilio de Bazinstruo de Madrido, aparte de la antaŭaj okupoj.

Sed aliflanke, ni povas suspekti ke ekzistis malkonsento kun la proceduroj de Mangada, kiu probable ne deziris lasi la gvidadon de la Asocio kiun li fondis kaj regis. Eble li deziris gvidi malantaŭ la kulisoj, kion Pintado ne volis akcepti. Mi diras tion sen pruvoj, ĉar neniu klarigo troviĝas en la tiutempaj revuoj kiujn mi konsultis, sed oni povas tion suspekti legante la novaĵojn kaj protokolojn publikigitajn, kaj konante la fortan karakteron de Mangada kaj la grandan influon kiun li ĝuis en la disvolviĝo de la Asocio.



Sidonio sidanta dekstre

## Postaj okazaĵoj

Post tiu momento ne restas atestaĵoj pri lia aktivado rilate al Esperanto, kaj ni ne plu havas informojn pri lia vivo kaj agadoj.

Nun, post la klopodoj de lia nepino, diskoniĝis lia posta sorto, kaj ni povas diri ke ĝi estis tragika. Tiuj informoj aperis en la "Revista Cambrils" en februaro 2005, kaj ili estas ankoraŭ alireblaj en la reta eldono de la revuo, en la adreso
*http://www.revistacambrils.com/ index.php?c_noti cia =268*
en la kataluna lingvo,
tradukita en la hispana en la adreso
*http://www.nodo50.org/ foroporlam emoria/documentos/2005/ sidoniopintado_marzo2005.htm*



Sidonio kun lia filo

Resume, post la komenco de la milito, s-ano Pintado forlasis Madridon kun sia edzino kaj siaj kvar filoj en decembro de 1936, cele al Cambrils (Taragono), el kie devenis la edzino. La edukaj aŭtoritatoj komisiis al li la inspektadon de la kampadejoj organizitaj por la rifuĝintaj infanoj en la provinco, kaj li instruis en diversaj lokoj. Post la okupado de la vilaĝo fare de la trupoj de Franco, li restis surloke, konfidante ke pro lia neenmiksiĝo en militaj aferoj oni ne kaŭzos al li specialajn ĝenojn. Tamen, li baldaŭ estis enkarcerigita, en februaro 1939, post denunco ke li estis radikala aktivulo. Kelkaj el la akuzoj temis pri lia pedagogia aktivado, aliaj estis falsaj aŭ eĉ absurdaj, sed la proceso estis rapidega (sumarísimo), kaj li estis kondamnita je morto. Li estis ekzekutita je la 30-a de majo 1939, kaj estis enterigita en komuna tombofoso, probable en monto proksima al Taragono.

La nokton antaŭ sia ekzekuto, li skribis du leterojn. Unu al amiko, petante ke li zorgu pri lia familio. La alia al sia edzino kaj gefiloj. Parto de la letero estis publikigita en la citita revuo, kaj ĝi estas vere kortuŝa. Ĝi estis konservita de lia filo Pablo, la patro de Natalia, kiu ĝis antaŭ nelonge neniam kuraĝis montri ĝin al siaj propraj filoj.

En ekzemplo de tio kion mi diris en la komenco, la sorto de la avo ne estis afero priparolata en la familio, kaj nur la scivolo de nepino kaŭzos la malkaŝon de la tuta historio. Eĉ la dokumentoj lasitaj de la avo, inklude de tiuj kun rilato al Esperanto, estos montritaj nur post la insisto de la tria generacio. Tion eble povas klarigi ne nur la okazintaĵoj rilate al Sidonio, sed ankaŭ al la cetero de la familio: la edzino, María Riba, ankaŭ instruisto, estis reprezaliita, kaj devis forlasi la profesion. La filoj devis sekve eklabori tre junaj; tamen, la avidecon pri la lernado jam semis la patro, ĉar Pablo mem revenis al la studado, finis la studfakojn de instruisto kaj arĥitekto. La madridanoj bone konas lian plej faman verkon kiel arĥitekto: la domon “Palacio de Congresos y Exposiciones”, fronte al la futbalejo Bernabeu (jes, tiu kun mozaikoj de Miró en la fasado).

La afero Sidonio Pintado estas do bona ekzemplo de la vualo de forgeso kiu falis sur tiom da valoraj homoj, multaj el kiuj niaj samlingvanoj, kiuj meritas nian memoron kaj nian omaĝon.

Toño del Barrio

## Jarabonoj kaj kotizoj por 2007

eŭroj

Boletín de HEF( Eksterlandaj abonantoj)............................................31

Universala Esperanto Asocio

Individua Membro kun Gvidlibro MG ................................................9

Individua Membro kun Jarlibro MJ (-T)*..........................................23

Individua Membro plus abono al Esperanto MA (-T)...........................57

Abono al Esperanto sen membreco (SA)...........................................36

Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ)................................114

*(kaj, ĝis inkl. 29 jaroj, membro de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago)

Pedro A. Garrote Escribano trope50@terra..es

Banco Español de Crédito (BANESTO) Valladolid

Banka konto: 0030 6002 74 0000901271

APART. 119 ESPERANTO 47080 VALLADOLID

La Gazeto...........................................................................................?

Barcelona E-Centro

Heroldo de Esperanto........................................................................36

Femina...............................................................................................33

Literatura Foiro..................................................................................33

Internaciisto.......................................................................................15

La Ondo de Esperanto........................................................................32

.Peranto:Luis Serrano Pérez. Apartado 423 08200 - Sabadell Tel. 937275021

rete: luis_serrano@mixmail.com Tel. 937275021

Sennaciulo (kotizo al SAT+abono+sennacieca Revuo)........................40

Peranto:Pedro Sanz pmariass1@auna.com

C/Mar de Fora 13, ES-28400 Collado Villalba (Madrid)

Bankkonto: uno-e 0227-0001-85-0200526929 (eblas pagi en ĉiuj oficejoj de BBVA)

SATeh (SAT en Hispanio)...................................................................6

Peranto: Pedro Sanz ; pmariass1@auna.com

Bankkonto: Caja Madrid 2038-1787-43-6000182731

Adreso: rigardu supre

Kajeroj el la Sudo...............................................................................10

Jesús de las Heras Ap. 4461 30080 Murcia bankokonto 2043-0138-14-090002040-3

KAE-informilo....................................................................................?

Gazeto Andaluzia...............................................................................15

Monate ĉe vi.......................................................................................15

esperanto14@supercable.es

c/Anfora 6 5-d 29013 Málaga

Kataluna Esperantisto.........................................................................?

08200 Sabadell Potkesto 1008 Tel. 937 109 636; Fakso: 937 163 633Ret-adreso: kea@esperanto.cat

# Aniĝilo por 2007

Fotokopiu kaj poŝtu aŭ faksu al HEF-oficejo (914468079). Bv. skribi klare.

## Personaj datumoj

Kompleta nomo:.......................................................an-numero:..........................

Adreso:........................................................................................................

Poŝkodo..............................Urbo..........................................................................

Naskiĝdato.............................Ret-adreso..............................................................

## Aniĝo (prezoj en eŭroj)

- ☐ OM ordinara membro..................................................................31
- ☐ kun junulkarto............................................................................28
- ☐ PM patrona membro......................................................................62
- ☐ KM kolektiva membro....................................................................62
- ☐ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e)..................................................25

Ĉiu ano ricevas Boletín; infanoj ĝis 12 jaroj, Juna Amiko; junuloj inter 13 kaj 30 Kontakto, kaj ĉiuj ĝenerale 10% rabaton en la aktivaĵoj organizotaj de Hispana Esperanto Federacio.

## Pagmaniero

- ☐ Bankordone (plenigu la malsupran formularon)
- ☐ Enspezo en konton 0182-1252-31-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon)
- ☐ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3• )
- ☐ Enspezo en la konton hefb-m de UEA (kunsendu ĝiril-kopion)

Subskribo　　　　　　　　　　　　　　　　Dato

---

# Domiciliación Bancaria

Banco o caja:

Dirección:

Código Postal y localidad:

C.C.C:_________/_________/__/________________

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada, y, hasta nueva orden, los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto, en concepto de cuota anual.

Fecha:

Nombre y firma del titular:

## Nova paĝaro de HEF

Nia retpaĝo estas probable la unua informo kiun multaj homoj havas pri nia asocio kaj eĉ pri esperanto. Tiel, indas ke ĝi estu sufiĉe alloga kaj enhavoriĉa. Antaux nelonge, estis renovigita la aspekto, sed ankoraŭ restas multo farenda rilate la enhavon. Estas du partoj, unu por informado al ekstera publiko en la hispana kaj alia en esperanto. Miguel A. Sancho kaj José Rodríguez estas la kreantoj de tiu nova aspekto. La nova adreso estas www.esperanto.es

## Vortaro de Fernando de Diego

Post kelkaj monatoj jam pretas la unua interreta versio de la Granda vortaro de Fernando de Diego. Ĝi estas konsultilo kiu permesas legi la plej aktualan version de la enhavo. La reviziistoj, Hector Alòs, Jorge Camacho, Miguel Fernández kaj Miguel Gutiérrez, kunordigitaj de Antonio Valén plu laboras por plibonigi laŭeble tiun ciferecan ilon, kiu sendube estos granda helpo por ĉiuj hispanlingvanoj kiuj volas  precize traduki kaj esprimi sin.






Jen nova, kvankam eble nur porokaza bando, kies nomo Supernova estas ankaŭ la nomo de ĝia unua disko, eldonita de Vinilkosmo.

DJ Roĝer, kiu jam kontribuis al "Elektronika kompilo", ankaŭ eldonita de Vinilkosmo, estis en la origino de tiu ĉi projekto en 2004. Kiam li ankoraŭ prilaboris sonojn malpli pure elektronikajn, li decidis kunlabori kun muzikistoj realaj kaj ne nur virtualaj.

La albumo iom post iom ekellaboriĝis pere de interretaj virtualaj interŝanĝoj kaj registradoj en diversaj studioj de Eŭropo kaj Ameriko dum ne malpli ol 3 jaroj!

Vinilkosmo donis la definitivan formon al la projekto eldonante ĉi k-diskon, kiu enhavas ankaŭ profesian videofilmeton realigitan de la brazila produktejo Kosmuzik', kaj senpage spektebla ĉe la retejo Farbskatol.net Temas ja pri la unua muzikvideo realigita profesie en esperanto. Certe plia rimarkinda paŝeto en la evoluo de nia muziko kaj movado.

Por aŭskulti fragmenton de la disko aŭ rekte mendi ĝin, vizitu la retejon de Vinilkosmo: vinilkosmo.com

---

# Atentu, junul'¡

Se vi estas ne pli ol 30-jaraĝa, aliĝinte al HEF, vi estos ano de HEJS, nia junulara fako, kaj ricevos unu el tiuj revuoj, por la sama prezo¡




Vizitu nian retejon
www.esperanto-es.net/HEJS/
kaj partoprenu la forumon




🡑Kontakto, la fama dumonata revuo de TEJO, legata en ĉirkau 90 landoj

Juna amiko, por petolaj geknaboj➔ (ĝis12-jaruloj)